Hamburg Esperanto

3/1999

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.



Foto: Heike Hagen

# HES sur bona vojo

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de n-ro 4/99: 13-05-1999<br>Hamburg Esperanto<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>Redaktoro: Frank Merla |

| | |
|---|---|
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Karaj legantoj kaj skribontoj,**

kiel vi eble scias, la kopioriginaloj de Esperanto Hamburg estas faritaj per komputilo. La interreta versio de Esperanto Hamburg estas tute ne sur papero. Do, estas konvena helpo al la redaktoro, se vi alsendas viajn artikolojn kaj anoncojn aux surdiskede aux retposxte (*.doc, *.rtf, *.txt, *.p65, *.asc, *.htm, *.sdw) al Hamburg@Esperanto.de aux al MerlaFrank@Esperanto.nu. Ecx faksoj atingas la redakcion ne papere, sed en elektronika formo (cxe AOL en .jpg-formato).

Enhavo

---

**Sentenco**

Por vola spirito,
nenio estas
malebla.

El la libroj de la Han-Dinastio (Cxinio)

Enhavo

---

**HES sur bona vojo**

La venonta bona evoluigxo de la klubo interesis multajn membrojn. Preskaux la duono de la HES-membraro cxeestis la jarcxefkunvenon, kiu okazis la 25an de Februaro. En bona etoso kaj koncize okazis la kunsido.

La estraro, kvankam plej parte sen longjara sperto, dum la pasinta jaro gvidis la societon sukcese kaj montris tion dum la jarraporto. Cxiuj taskoj dum la jarcxefkunveno 1998 deciditaj estis plenumitaj kaj la elspezoj estis en la kadro de la bugxeto. Ankaux la tenado de la kaso estis en bona ordo, kiel konstatis la revizoroj. Akuta farendajxo por la konsilantaro ne estis. Tamen, ties membroj apogis la estraron per fruktodonaj kontribuoj dum la pasinta jaro. Tio cxio instigas la esperon, ke en la nuna jaro la donitaj taskoj denove estos plenumitaj. Pri la unuaj vi povas legi en cxi tiu pagxo.

Enhavo

---

## „La klubo dankas!“

Tiun frazon *Burkhard Mohrig* tiel ofte diris, kiam iu ion donacis al la klubo, ke aliaj donacojn akceptantaj membroj transprenis gxin. Ekzemple kiam vi pagas dum la Jxauxda vespero viajn trinkaîojn kaj rondigas la monsumon supren, vi ankoraux hodiaux povas auxidi gxin.

Kiam Peter Kühnel el Berlino dum la jarcxefkunveno transdonis kompaktdiskofonon al HES, li tuj auxdis „La klubo dankas!“ de pluraj flankoj. En Esperanto Hamburg n-ro 1/99 la estraro petis pri „CD-Player“ kaj gxis tiu vespero ne venis ehxo.

Do, estis bela surprizo, ricevi la deziratan tiel ne atendite. Kaj estas granda gxojo, ke montrigxis vigla la memoro pri *Burkhard* ne nur dum la silenta minuto kadre de la jarcxefkunveno, sed ankaux per la spontanea „La klubo dankas!“. Tiel *Peter* faris duoblan donacon: Li donis la eblon kaj auxskulti KD-muzikon kaj pluvivigi la bonan spiriton de *Burkhard*. Do, *Peter*: La klubo dankas!

Frank Merla

Enhavo

---

## Printempaj agadoj de HES

Dum la Euxropa semajno Hamburga Esperanto Societo prezentos sin la 24-an kaj 25-an de Aprilo po de la 9-a gxis la 16-a horo per informstando sur la Urbodoma Placo: „Esperanto im Jahr 2000“.

En la kadro de la Euxropa semajno okazos diskutrondo en la Germana „Dr. Esperanto und die sprachliche Zukunft der 3. Welt“ la 27-an de Aprilo je la 1930-a horo en Nernstweg 32-34. La fakaj ekspertoj estos *D-ro Werner Bormann* kaj *Gerhard Hein*. Enirprezo: 5 DM.

La 29-an de Aprilo ek de la 18-a horo *Jürgen Wulff* prelegos en la Esperanto-domo: „Esperanto - (k)eine Sprache für Europa?“

Hamburga Esperanto Societo festos sian 95-jarigxon la 6-an de Majo: La Esperanto-domo havos malfermitan pordon ek de la 14-a horo. Oni prezentos ekspozicion kaj akceptos jxurnalistojn kaj ek de la 19-a horo komencigxos la festo kun kolaziono kaj trinkajxoj.

Enhavo

---

## Babilaj rondoj reinstaligit/otaj

S-ino *Jutta Sültz* (Telefono: +49 40 2505653) invitas al la reinstaligita babila rondo Jxauxde en la klubejo je la 19-a horo. Gxis nun partoprenas s-ino *Dobrzynski*, s-ino *Hagen* kaj s-ro *Rohr*.

Krome s-ino *Sültz* sxatus krei Esperantujeton en iu kafejo, ies hejmo aux ecx telefone.

Enhavo

---

**Semajnfina seminario pri tradukado**
**en la Esperanto-domo Hamburg**
**12-a/13-a de Junio**

(Esperanto-Germana/Germana-Esperanto) Gvidos Benno Klehr kaj Pia Haasis.

La provizora programo: prelego de profesia neesperantista tradukisto, ekzercoj, sinonimoj, homonimoj, propraj nomoj, germanismoj, falsaj amikoj.

Atentu la aldonan aligxilon!

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Aprilo | Majo |
|---|---|
| **1 Ovokunveno**<br><br>**8 Werner Bormann:** Sxangxitaj prioritatoj en la Esperantistaro („Fina venko“, „Rauxmismo“)<br><br>**22** 18 h estrarkunsido<br><br>**15 Monika Jessel:** La vivo en Pomerio<br><br>**27 La helpintoj:** Postrikolto de la Euxropa Semajno | **8 Tago de la malfermita pordo**<br><br>**13 Cxe-Ellen-Ir-Tago** renkontigxo cxe la Esperantoarbo 15 h, 16 h en la klubejo<br><br>**20** Video: Mazi en Gondolando<br><br>**25 Klubaj aferoj**: Gastigado de Esperantistoj en Hamburgo dum la UK periodo |

Enhavo

---

**Prelegantoj sercxataj**

La Hamburga Esperanto Societo estas fiera, ke gxi sukcesas preskaux cxiun Jxauxdon liveri kontribuon al la programo. Tamen, ne estas facile por la cxiam la samaj prelegantoj eltrovi novajn temojn. Do, estus bone, se ankaux aliaj membroj pretus prelegi.

Ne nepras, ke vi parolu libere aux prezentu science ellaboritan. Parolu pri via hobio, pri vojagxo, prezentu lingvan aux alian ludon. Ankaux eblas instigi diskuton pri interesa temo, kiun vi proponas. Povas esti io ajn, kio estas en (kaj ne nepre pri) Esperanto kaj ne tro speciala (ekz. kiel programi HTML-kodon).

Ne timu, ke oni povus ridi pri via - laux vi - eble amatora sinteno. Tia neniam okazis kaj neniam okazos. Cxiu preleganto almenaux dum la unua fojo havas publikotimon. Cxe ni vi povos toleri gxin.

Enhavo

---

| | |
|---|---|
| DANA-GERMANA<br>RENKONTIĜO<br><br>**800 jaroj Rendsburgo**<br>**4a - 6a de junio**<br>**Rendsburg/Germanio**<br><br>**80 jaroj Esperanto en Rendsburgo**<br><br>Aligxu cxe<br>Esperanto-Rendsburg<br>Wilma Lehmann<br>Gerichtsberg 17<br>D-24768 Rendsburg<br>Telefono +49-4331/7 29 41<br>Provizora programo | La Naturamika Internacio<br>Esperanto Fako invitas:<br><br>**Wochenendseminar des Fachreferats Esperanto**<br><br>Donnerstag, 13.5.99 (Himmelfahrt) 18.00 Uhr bis Sonnabend, 15.5.99 ca. 14 Uhr im Naturfreundehaus Käte-Strobel-Haus in Gummersbach:<br>1. Esperanto-Kursus für Anfänger (Leitung Lothar Eckert)<br>2. Politisches Bildungsseminar (in deutscher Sprache). Thema: Das Sprachenproblem in der EU wächst mit jeder Neuaufnahme. Kann ESPERANTO hier eine Rolle spielen? (Leitung Dr. Dirk Willkommen)<br>Teilnehmer-Beitrag 185,-- DM<br><br>Weitere Informationen:<br><br>Karin Lencki<br>Postfach 2004<br>21239 Buchholz<br>Tel. 04187-475<br>Fax 04187-3605 |
| Aligxiloj haveblas ankaux en la | Esperanto-domo Hamburg |

Enhavo

---

## Favore logxi dum la UK en Berlino

*Hella Lanka* informas, ke ekzistas tauxga hotelo suficxe proksima (10 min. piedirado) al la kongresejo. 1-litaj cxambroj estas haveblaj ek de 85 DM, 2-litaj ek de 120 DM. Estas ankaux cxambroj por pluraj personoj, ek de 60 DM po persone. La hotelo nomigxas „Hotel-Pension Funkturm“ kaj trovigxas en Wundtstr. 72, 14057 Berlin. Telefono: 030 322 10 82, fakso: 030 325 59 45. Por mendoj uzu plej eble fakson.

Enhavo

---

## Esperanto-kurso por komencantoj

La prezento de la Internacia Lingvo en la popolaltlernejo de Norderstedt la 27-an de Februaro estis bone vizitita. La gastoj estis tiom interestitaj, ke okazos kurso:
Sabaton kaj Dimancxon la 29-an kaj 30-an de Majo po de la 9-a gxis la 14-a horo en la popolaltlernejo de Norderstedt, Rathausallee 50.
Pludiru tion al viaj konatoj, kiuj deziras lerni Esperanton. Ili aligxu cxe *Dr. Vesna Stanicic-Burchards*, Tel.: (040) 52 20 89 15 (dum oficMhoroj).

Kaze de suficxa intereso okazos plua instrusemajno, nome 12a/13a de Junio aux laux interkonsento.

Enhavo

---

## Ni perdis amikon

*Burkhard Mohrig*, membro de Hamburga Esperanto-Societo, mortis en Hamburg la 5an de Februaro 1999, post mallonga restado en malsanulejo, 53jara.
Dum pli ol dek jaroj li regule venis al nia klubo, kie li kune kun sia viv-partnerino *Hannelore Brunow* multe laboris por la klubejo kaj por eksterklubaj informstandoj. Komune ili ankaux vizitis multajn kongresojn kaj renkontigxojn en- kaj eksterlande.
Al nia klubo mankos aktivulo kaj al ni membroj mankos amiko, kiun ni ne forgesos.

Benno Klehr

Enhavo

---



**Oleg kaj Nazar VOVK** estas du junaj gxemelaj Esperantistoj el Ukrainio. Oleg (la dekstra) estis operaciita pro grava kormalsano. Pro la sociala situacio en tiu lando kaj la altaj kostoj de tiu operacio la familio Vovk estas nun bankrota.
La eldonejo „Bona Koro“ eldonis buntan, alkvalitan folion, en kiu oni petas financan helpon al la UEA-kodo ueeq-t. Detaloj estas haveblaj cxe la redakcio au s-ro Vasil STANOVIC, prezidanto de Ukraina E-eldondejo „Bona koro“, UA-293720 Drohobic, str. P.Orlyka 3 A, Ukrainio, tel.: +38 - (03244) 22348, faks 38295.

Enhavo

---

### Japano deziras kontakton al Hamburgano

En la kadro de la intersxangxo inter la gxemelurboj Osaka kaj Hamburg eble vizitos nin Japana gasto okaze de la 10jara jubileo, kion oni festos en Septembro cxi jare. S-ro IRII Hiroshi, 30, krom tio interesigxas pri la platdicxa lingvo kaj la homoj en la norda parto de Germanio. Tial li skribis leteron al *Gerald Roemer* kaj petis publikigi gxin en Esperanto Hamburg. Nu, por tio la letero estas iom tro longa. Do, nur tiom: IRII Hiroshi estas el Osaka, laboras tie cxe Eksterlandposxtoficejo, studis „la plej novan historion kaj iom ankaux germanan kaj svisan“. Li eklernis Esperanton en 1997 kaj membrigxis en Osaka Esperanto Societo.
Se vi estas interesita pri la tuta letero, turnu vin al *Gerald Roemer*.

Enhavo

---

### Korespondanonco

Estimataj amikoj!
Mi estas ingxeniero, interesita
via lando kaj filatelo.
Do, mi turnas al Via
klubo kun espero trovi korespondamiko(ino) pri
tiuj temoj.
Koraj salutoj.
Mia adreso:
Jerzy Michalski
Pocstowa 9
266-660 Jedlinsk
POLSKA

Enhavo

